1 JULIO 1908 — Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) — KVARA JARO. – Nº 34

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono. . . . Sm. **4.—**

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**

HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## Simpla Komparo

Mi hodiaŭ komence priskribos kiel, en Francujo, estas organizita la Turisma movado. Krom tio, ke tiu organizo prezentas intereson en si mem, speciale por turistoj kaj ne francoj, tiu priskribo permesos al mi komprenigi, per komparo, kiun situacion Universala Esperanto-Asocio devas havi en la Esperantisma movado, kaj speciale, kiuj devas esti, laŭ mia propra opinio, ĝiaj rilatoj kun la jam ekzistantaj propagandaj grupoj kaj societoj.

Unue, en ĉiu loko en Francujo kiu prezentas intereson laŭ turisma vidpunkto, estis fondata *Iniciata Sindikato*. Tiuj ĉi societoj enhavas plej ofte ne turistojn, sed ĉiajn personojn kiuj volas altiri turistojn en la lokon, ĉu tial ke ili esperas ricevi de tio proprajn profitojn (hotelistojn, restoracimastroj, veturigistoj, k. c.), ĉu tial ke ili volas, pro loka patriotismo, utili al la pliprosperigo de sia regiono. Cetere, tiaj societoj ekzistas en multaj landoj, kaj havas diversajn nomojn, kiel, ekz. « Societo por pliprosperigo »; ĉiu membro de tia Iniciata Sindikato pagas kotizaĵon (ekz. 4 ĝis 8 Sm.)

En la unua parto de sia laboro, la Societo sin turnas al la loĝantoj de sia loko. Per paroladoj, publikaj kunvenoj, jurnalaj artikoloj, ĝi komprenigas al ili kiom da profito turismo alportus al la regiono ; ĝi montras al la hotelistoj, kiajn turistojn ili povas allogi, kiel ili povas ilin konservi kaj kontentigi ; ĝi instigas la kreon de kapitalistaj societoj, kiuj konstruos hotelojn, kaj ofte ĝi konstruigas mem tiujn hotelojn en plej pentrindaj lokoj ; ĝi klopodas al la fervojaj kompanioj por kreigo de taŭgaj vagonaroj, k. c.

En la dua parto de sia laboro, la Iniciata Sindikato sin turnas al la turistoj fremdaj; per ĉiuspecaj rimedoj, ĝi provas konigi al ili sian lokon, kaj ilin altiri en ĝin. Por tio, ĝi ĉefe uzas gvidlibrojn, plej ofte lukse eldonitajn kaj ilustritajn. Tiu eldonado, tre multekosta, estas la plej grava elspezo de la Iniciata Sindikato. La gvidlibroj estas disvendataj kaj tre ofte senpage disdonataj ĉie, en la stacidomoj, kazinoj, hoteloj kaj en specialaj oficejoj.

Kiel mi jam diris, similaj organizaĵoj ekzistas en multaj landoj kaj laboradas iel, kiel komerca ĉambro, sed kun tiu diferenco ke komerca ĉambro zorgas pri ĉiuspeca komerco kaj industrio, dum Iniciata Sindikato sin okupas nur pri turismo.

Krom tiuj Iniciataj Sindikatoj ekzistas, en Francujo, por turismo, tre grava organismo, je kiu, pro ĝia graveco kaj celo, ekzistas nenio komparebla en aliaj landoj. Ĝi estas la « *Touring-Club de France* » (T. C. F.), (Franca Turing-Klubo). En la komenco, en 1890, T. C. F. enhavis nur kelkajn centojn da ciklamantoj, kiel la similaj societoj kiuj ekzistas en iuj aliaj landoj. Nuntempe, ĝi enhavas 110,000 anojn, kaj kun la plimultiĝo de ĝiaj membroj, ankaŭ plivastiĝis ĝia celo. Tiu vasta asocio enhavas nur turistojn. Ĉiu ano pagas kotizaĵon da 2 Sm. ĉiujare, kaj plie, la Societo ricevas donacojn kaj monhelpojn de diversaj personoj kaj societoj. En ĉiu loko ĝi havas delegiton kies tasko estas : 1e) helpi al la komitato por la starigo de ĉiuj servoj organizitaj de T. C. F., kaj por tio, sendi al ĝi la petatajn rilatajn raportojn ; 2e) doni informojn kaj helpon al la membroj de T. C. F. pri la turismaj aferoj en sia loko. La asocio havas oficialan organon, en kiu la delegitoj publikigas ĉion, kio povas interesi la membrojn, raportojn pri vojaĝoj en diversaj regionoj ĝis tiam malbone konataj, k. c.

La servoj farataj de T. C. F. estas plej gravaj kaj ŝatataj de ĝiaj anoj kaj de la publiko. Pro ĝia graveco kaj povo, ĝi sukcesis fari kontrakton kun la hoteloj kiuj, laŭ difinitaj kondiĉoj, konsentas al ĝiaj anoj, rabaton da 10 %. Ĝi faris ankaŭ specialajn aranĝojn kun la registaroj, per kiuj la formalaĵoj en la doganejoj estas multe simpligitaj, por la ciklistoj kaj aŭtomobilistoj, membroj de la Asocio. Ĝi starigis diversajn komisiitarojn, kiuj sin okupas plej trafe, pri diversaj servoj, lernantaraj ekskursoj, protektado de naturaj scenoj kaj malnovaj monumentoj, batalado kontraŭ senarbigo, plibonigado de la vojoj en la pitoreskaj regionoj, k. c.

Per tiuj ĉi lastaj servoj, ŝajnas ke la T. C. F. havas la saman rolon kiel la Iniciatintoj Sindikatoj ; sed oni bonvolu rimarki ke ĝi klopodas, pri la samaj aferoj, laŭ tute malsimila spirito. La Iniciataj Sindikatoj batalas por la profitado de la enlanduloj, hotelistoj, komercistoj, k. a. dum T. C. F. batalas por la bono de siaj anoj t. e. de la turistoj. Laŭ tiu vidpunkto, la Iniciataj Sindicatoj prezentiĝas al ni, kiel asocio de vendistoj, de produktantoj, kaj, male T. C. F. prezentiĝas kiel asocio de aĉetantoj, de klientoj. Sekve la rilatoj inter la Iniciataj Sindikatoj kaj T. C. F. estas tiuj de komercisto kun sia kliento, kaj pro la malsameco de la celoj kaj interesoj, ili restas ĉiam sendependaj unu de aliaj, kvankam neniel malamikaj. Male, ili plej efike kunlaboras. T. C. F. instigas la eldonadon de gvidlibroj, kiujn ĝi bezonas por siaj membroj, kaj volonte raportas en sia revuo pri la agado de la Iniciataj Sindikatoj. Eĉ okazas ke T. C. F. monhelpas malriĉan Iniciatan Sindikaton por lin helpi en laboro kiun ĝi juĝas utila por siaj membroj, (plibonigado de vojoj, k.a.), kaj povas ankaŭ okazi, ke riĉa Iniciata Sindikato konsentu monon al la T. C. F., por ĝin helpi en samspeca laboro, kiun ĝi juĝas utila por altiri turistojn.

Ankaŭ la fakto ke Iniciataj Sindikatoj batalas por la profito de la lokaj komercistoj, klarigas kial, pro la timata konkurenco, ili ĝis nun povis unuiĝi aŭ federaciiĝi, nur en regionoj kiuj havas komunajn interesojn, sed neniam inter malproksimaj lokoj, ĉefe diverslandaj, kaj kial ilia agado estas sencentra. Male, la fakto ke T. C. F. estas asocio de klientoj, kiuj havas ĉiuj samajn interesojn kaj celon, t. e., vojaĝi ĉie kiel eble plej oportune kaj malkoste, tre bone klarigas kiel tiu societo havas tutan Francujon kiel agadkampon kaj estas tre alcentrigita.

Nu, en ĉiu loko de la terglobo, kiu prezentas iun intereson laŭ la vidpunkto de internaciaj rilatoj, devas esti kaj jam baldaŭ estos *esperantista grupo*. Tiuj grupoj povas enhavi ĉiujn personojn kiuj volas plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn rilatojn inter sia loko kaj fremdlando, ĉu tial ke ili esperas ricevi de tio proprajn profitojn, ĉu tial ke ili volas, pro loka patriotismo, utili al la pliprosperigo el sia regiono. La kotizaĵo al la grupo estu iom alta (1 — ĝis 2 Sm.) kaj la societo enhavu kiel eble plej multe da anoj el ĉiuj rondoj.

En la unua parto de sia tasko, la esperantista grupo sin turnas al la enlanduloj mem. Per paroladoj, jurnalaj artikoloj, k. c. ĝi komprenigas al la publiko, kiom da profito Esperanto kaj la Esperantisma movado povas alporti al la loko. Ĝi aranĝas kursojn de Esperanto, instigas la lokajn komercistojn, turistojn, k. c., lerni nian lingvon, instigas la enkondukon de ĝi en la lernejojn, k. c.

En la dua parto de sia tasko, la grupo sin turnas al la Esperantistoj fremdaj, kaj provas, per ĉiuspecaj rimedoj konigi al ili sian landon, laŭ vidpunkto de turismo, komerco, scienco, belartoj, h. c., kaj pligrandigi la rilatojn de sia loko kun ili. Por tio ĝi instigas la komercistojn ke ili presigu prospektojn en Esperanto, kaj ĝi mem eldonas per la mono de sia kaso, gvidfo[illegible]etojn kaj gvidlibrojn disvendotajn kaj disdonotajn en la tuta Esperantistaro. La esperantista grupo do rilate al tio, ankaŭ funkciadas iel kiel malgranda komerca ĉambro, kiu en ĉiuj fakoj, per la internacia helpa lingvo, direktus sian agadon al ĉiuj Esperantistoj de la terglobo.

Krom tio Esperantismo bezonis alian organismon. Tiu organismo, nun kreata, estas *Universala Esperanto-Asocio*. Nia Asocio enhavas nur esperantistojn, t. e., personojn kiuj, laŭ la deklaro de Boulogne, « scias kaj uzas la lingvon Esperanto » por la celo, plifaciligi ĉiuspecajn interhomajn rilatojn. U. E. A. provizas sian kason per la malgranda kotizaĵo de siaj anoj, kaj ankaŭ per bonvolaj donacoj kaj monhelpoj de privatuloj aŭ societoj. En ĉiu loko, U. E. A. havas delegiton kiu helpas la komitaton por ĉio, kaj ankaŭ al la membroj donas helpon kaj ĉiujn bezonatajn informojn. La Asocio havas oficialan organon en kiu la delegitoj publikigas ĉion, kio povas interesi la anojn, raportojn pri lokaj okazintaĵojn, ekspozicioj, kongresoj, turismo, komerco. t. e., pri ĉio kio rilatas la internacian vivadon.

U. E. A. organizas per la klopodoj de siaj ĉiufakaj komitatanoj gravajn kaj ŝatatajn servojn. Ĝi provos trafi kontrakton kun gravaj organizaĵoj, kun hoteloj, bankoj, k. c.

Laŭ tiu ĉi mia pensmaniero, la lokaj grupoj kaj federacioj propagandus Esperanton por la bono de la enlanduloj, kaj sekve havus ankaŭ rolon de societo de produktantoj ; male, U. E. A. estas societo de personoj kiuj uzas Esperanton kiel klientoj. Sekve pro la malsameco de la interesoj kaj de la celo, la grupoj kaj U. E. A. devas esti tute sendependaj kvankam neniel malamikaj. Male, ili devas sin helpi reciproke kaj kunlabori. U. E. A. instigos la kreadon de kursoj, la eldonadon de gvidlibrojn kiujn ĝi bezonas por siaj anoj, kaj la lokaj grupoj prenos sur sin la rilatajn laborojn kaj elspezojn. Eĉ povos okazi ke U. E. A. monhelpos malriĉan grupon, kaj ankaŭ okazos ke riĉa grupo sendos monon al U. E. A. por difinita celo.

Mi ankoraŭ volas atentigi pri tio, ke tiel, la Esperantisma movado, estus aranĝita tiamaniere, ke ĝi prezentus ĉiujn bonojn de sencentreco kaj ĉiujn bonojn de alcentrigo. Efektive : 1e) la sendependaj grupoj povus sin organizi tute libere, laŭ la maniero la plej taŭga por la lokaj bezonoj, kutimoj, moroj, institucioj, kaj 2e) U. E. A., tre alcentrigata, dank al sia unueco, tutmonda disvastiĝeco kaj konsekvenca graveco, havas la necesan povon kaj influon por organizi por siaj anoj praktikajn servojn, kaj ricevi por ili ŝatindajn favorojn.

La leganto bonvolu fine rimarki ke alcentrigiteco neniel estas sinonimo al aŭtokrateco ; ke en U. E. A., male, ĉiuj delegitoj estas plej regule balotataj de la membroj, kiel la komitatanoj de la delegitoj, kaj ke, konsekvence, ĉiuj estas plej laŭleĝe rajtigitaj ; ke, fine, per la iniciatrajto ĉerpita el la loĝaro de la tute ne despotema Svisujo, ĉiu delegito povas partopreni en la direktado de nia Asocio, kies regularo, oni vidas, neniel malsuperas, rilate al liberaleco, tiun de la malplej aŭtokratemaj societoj.

Th. Rousseau.

# TRA LA MONDO

## GRANDA BRITUJO

Londono, Junio 1908

Malgraŭ la malŝato de la unua tempo, la partianinoj de la virina balotrajton faras nedubeblajn progresojn. La granda procesio ĵus okazinta en Londono estas pruvo de tiu progreso. Vere kurioza estis la vidaĵo de dek mil virinoj ĉiurangaj marŝantaj en plena ordo kaj konsento, kaj laŭ perfekta organizo. Specialaj vagonaroj estis alveturigintaj milojn da manifestantinoj el ĉiuj regionoj kaj la loko de ĉiu parto de la procesio estis klare difinita. La enhavo de la procesio estis plej diversa : laboristinoj, manufakturistinoj, universitatulinoj, hospitalistinoj, aristokratulinoj, k. a. Multaj flagoj, riĉe ornamitaj, surhavis la nomojn de la famaj virinoj je diversaj epokoj. Tiun manifeston pretigis la Londona Societo por la virina balotrajto, kies prezidantino estas Lady Francis Balfour, bofratino de la unionista ĉefo Lord Balfour. Aliaj feministaj societoj ankaŭ partoprenis en la organizado de tiu manifestado, kvankam ili ofte ne interkonsentas pri la rimedoj por trafi sian celon kaj pri la kondiĉoj de la balotrajto. La politikistoj volonte konfesas, ke la nomita procesio estis grava sukceso. La popolamaso montris al ĝi multe pli da simpatio ol en la antaŭaj jaroj. Tiu ŝanĝo estas konstatebla ankaŭ en la plej ĉefaj jurnaloj, kiuj nun deklaras, ke oni nun ne plu povas ignori tian movadon, kiu en siaj vicoj posedas talentajn, praktikajn virinojn, kies organizemeco montriĝis per la lasta manifestado. Oni nun parolas pri fondo de virina ligo kontraŭ la balotrajto!, sed se tio okazas tio eble estos nova pruvo de la matureco de la virino por la balotrajto, almenaŭ por la diskutado. Aliparte, pruvi, ke la virino devas sin okupi pri la mastrumaĵo per la fondo de ligo, kiu sendube ŝin ankaŭ forlogos el la mastrumaĵo, ŝajnas pli malpli lerta. Kio ajn estas, la movado feminista ŝajnas iom-post-iom eliri el sia infana periodo de naiva entuziasmo kaj trofervoreco, kaj baldaŭ, oni povas certe antaŭvidi tion, ĝi estos grava ĝis tiu grado, ke la « viraj » politikistoj devos nepre ĝin atenti kaj iri renkonte al ĝi per proponoj praktikaj kaj moderaj.

L. H. G.

Skribinte tiun leteron, mi havis la okazon konsideri novan, vere grandegan manifestadon en Hyde Park ; neniam oni ĝis vidis tian amason. La organizado estis tre sufiĉa, sed malgraŭ ĉio, Lord Asquith deklaris, ke lia opinio ne ŝanĝiĝis...

## RUMANUJO

Bukareŝto, Junio 1908.

Ĉe ni, okazas granda militista skandalo, kies deveno kaj priskribo sekvas. La filo de la liberala ĉefministro D. Sturza, kapitano Sturza (nun majoro), en artikolo enpresigita en ia literatura revuo nemilitista aprobante la nunan aliformigon de infanterio, kiu de 1a aprilo de tiu jaro iĝis daŭra, per la reformoj faritaj de generalo Averescu militministro, aludis pri la forigita ordigo, kiu estis laŭ li, senĉesa fonto da mono por la oficiroj kaj suboficiroj estroj de tiu batalionoj nedaŭraj, kiuj nun ne plu ekzistas. Sekve de tio, kapitano Cătuneanu el Craiova, elvokis lin dueli per letero sendita Parizon, kie kapitano Sturza estas militista ambasadoro, samtempe konigante tion al la militistestroj. Sed tiuj ĉi malliberigis lin pro nekonformo al la militistaj leĝoj, rilate tion. Post kelkaj tagoj, alia kapitano Cantacuzino el familio de Cantacuzino eksĉefministro konservativa respondis publike, en jurnaloj politikaj kapitanon Sturza montrante al li, ke li almenaŭ ne devas paroli tiamaniere, kiam lia situatio ŝuldas nur al lia familia situacio, kontraŭ kiu, ĉiuj rapidas ion fari. Li ankaŭ aldonis pri lia situacio ke ĝi

estas tute nerajta kaj malluma. Sed la militistestroj malliberigis ankaŭ tiun, pro disputo en publikaj ĵurnaloj. fakto malpermesata de militistaj leĝoj. Vane penadis kap. Cantacuzino kaj aliaj per ĵurnaloj, komprenigi militistestrojn pri la antaŭaĵo de kap. Sturza, neniu aŭskultis, kaj tiel li restis malliberigita 10 tagojn. Okaze nacia festotago, 10$^{a}$ de Majo, kiam kutime oni gradaltigas militistojn, kapitano Sturza estis gradaltigita majoro kaj la du kapitanoj, translokigitaj malproksimume de iliaj garnizonoj. Plie kapitano Cantacuzino estas ree kondamnita por la sama kulpo — tion la leĝojn malpermesas — je 20 tagoj de malliberejo, de lia Moŝto princo Ferdinand komandanto de II$^{a}$ armea korpuso. Tiuj maljustaĵoj malkvietigis ĉiujn oficirojn, kiuj komence de generaloj ekmoviĝis kaj murmuris. Tion vidinte la ministroj serĉis korekti la maljustaĵojn kaj tiel ambaŭ kapitanoj restis en sia garnizono, la kapitano Cantacuzino ne plu estas malliberigita kaj majoro Sturza oni diras estas realvokota kaj disponebligota. La afero nun staras tie. La okazintaĵoj ree kaj treege montris ke la politiko de niaj politikistoj estas tute partia kaj familia, igante maltolerebla la situacion de aliaj, kiuj ilin kontraŭstarus.

Dum 21$^{an}$, 22$^{an}$ de Majo okazis kongreso de la komercĉambroj en Constansa, kie oni pridiskutadis gravajn aferojn koncernantajn la komercon kaj ĝian prosperadon. La komerca ministro, kiu ĉeestis kongreson, prenis sur sin la realigon de la starigitaj decidoj. Inter la decidoj estas tiu koncernanta domvizitistajn komercistojn, kies forigon jam de longe penadas la komercistoj sed vane. Nun oni esperas la efektivigon de tiu forigo. Oni akceptis, ke la permeso de vendado por tiuj komercistoj domvizitistaj estu donita nur por terkultura kaj domindustriaj produktaĵoj. Alia decido rilatas la fervojan transportadon, kiu dum aŭgusto kaj septembro, la sezono de transportado de la terkultura produktaĵo estas tute haltigata pro militistaj manovroj, kiuj uzas ĉiujn vagonojn. Pro tio, en multaj jaroj, la produktaĵoj amasigitaj en la stacidomoj putris. igante tiel la komercistojn malgajni milionojn da leoj. Por nun kaj en estonto oni promesis plifaciligon, oni mendis eksterlande vagonojn kaj lokomotivojn kaj tiel ŝajnas malesto de okazintaj malfacilaĵoj. Pri la komercvojaĝistoj ili rajtos nur reprezenti firmojn kaj alporti montraĵojn, neniel vendi ion, ĉar tio estas tute malpermesata al ili kaj juĝpunate. Oni decidis ankaŭ pri la revizio de nunaj tarifoj por transportado per la fervojo, kiuj stariĝos kun la helpo de la interesatoj.

Je la komenco de junio, post longa sekega vetero, okazis en kelkaj lokoj fulmotondroj, kiuj multe malbonigis. Tiel en Giurgiu haveno sur Danubio, multaj ŝipetoj kaj boatoj estis subakvigitaj, la tegmentoj de l'domoj eltiritaj kaj malproksime elportitaj. Ĉe la ŝtata farmo Laza ĝi kaŭzis perdojn kalkulitajn preskaŭ ĝis 65,000 Sm. En multaj aliaj urboj kaj vilaĝoj la akvo eniĝas domojn, sur la kamparojn dronigis bestojn kaj kelkajn homojn. Ankaŭ kelkaj homoj estis fulmomortigitaj sed malgraŭ tiuj bedaŭrindaĵoj la homoj estas kontentigitaj, ĉar sen la pluvoj falintaj tuta terkulturo estis minacota pro troa senpluveco, kiu daŭris de februaro ĝis nun.

I. Go.

## Kroniko Politika

La maltrankvileco, kiun en la diplomataj rondoj kaŭzis la regnestraj renkontoj en Londono kaj Revel, ne ankoraŭ malaperis kaj verŝajne ne baldaŭ malaperos. La vortoj pri la situacio nuna de Germanio, kiujn diris aŭ lasis diri imperiestro Vilhelmo II$^{a}$, produktis ian emocion, sed tamen ne estis interpretitaj kiel serioza minaco de malpacigo. Cetere, oni ne havu troan timon. De post tridek jaroj, nenia milito Eŭropa okazis, kaj tamen ĉiudu- aŭ tri jare kelkaj interesitaj politikistoj parolas pri la malfacila stato de la Eŭropaj aferoj, la nervozeco de iaj regnestroj, k.t.p.; tio apartenas al ilia metio kaj estas ilia ekzistokaŭzo.

En la Franca Deputataro, okazis, laŭ la kutimo, granda diskutado pri la Marokaj aferoj, kiu kondukis al la ne malpli kutima rezultato, ke la agado de la ministraro estis aprobita, kaj oni ripetis, ke la okupado de Maroko estas provizora kaj ĉesos post la pacigo, kiu estus okazonta.

La vivo de la aliaj regnoj ne prezentas speciale notindan okazon dum tiu duonmonato. El transoceano, venis al ni eĥoj de la granda bruado meze de kiu la reprezentantaro de la respublikana partio proklamis S-ron Taft kiel kandidaton por la Usona prezido, post multaj aklamoj al Roosevelt, kiu baldaŭ reiros al la vivo nepublika.

Fine, lasthore, ni ekscias pri la perforta agado de la Persa regnestro kontraŭ la Parlamento : bomboj, pafadoj, pendigoj, skurĝbatoj, laŭ la Orienta metodo ; jen solvo de la jam de longe daŭranta konflikto inter la regnestro absolutema kaj naskiĝanta Parlamento diskutema.

A. R.

## La Faktoj

*6 Junio. — Bruselo.* — Morto de skulptisto Lambeaux.

*Budapeŝto.* — Fermo de la kontraŭduela kongreso.

*9. Romo.* — Morto de eksministro Prinetti.

*Reval.* — Renkonto de imperiestro Edvardo VII$^{a}$ kun Caro Nikolo.

*Belgrado.* — Baloto por la ŝcupstina : 85 ministraranoj, 48 junradikaloj, 19 nacionalistoj, 7 progresistoj, 1 socialisto.

*Sofio.* — Baloto por la Deputataro : 175 demokratoj, 21 agraristoj, 3 slavistoj, 3 nacionalistoj.

*10. Parizo.* — Morto de Gaston Boissier, arkeologo kaj historisto.

*Tuniso.* — Morto de Mohamed Djellonli, ĉefministro.

*11. Lisabono.* — Fermo de internacia kongreso de telegrafio.

*12. Vieno.* — Grava historia parado okaze de la imperiestra jubileo.

*Londono.* — Inaŭguro de tunelo sub rivero Tameso.

*Teherano* — Grava konflikto inter la Parlamento kaj la regnestro.

*13. Londono.* — Grava feminista manifesto.

*15. Saragosa.* — Reĝo Alfonso inaŭguras la francan ekspozicion.

*Londono.* — Morto de eksministro kaj eksguberniestro de Kanado Lord Derby. — Oni publikigas blankan libron pri Kongolando.

*16. Vieno.* — Studentaj manifestoj antaŭ la Universitato.

*Londono.* — Malfermo de pananglikana religia kongreso.

*18. Belgrado* — Eksiĝo de la ministraro Pasiĉ.

*Chicago.* — Tatt estas proklamata kandidato de la respublikana partio por la prezido de Usono.

*Londono.* — Malfermo de internacia ĉevala konkurso.

A. Tellini.

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Francujo :* Sukcesaj festoj kaj paroladoj en Amiens, Levallois-Perret, St-Etienne, Orléans, Troyes, k t. p. En Parizo, post brila disdono de premioj de la Parizo grupo en la Sorbono, sub la prezido de Prof. Appell, dekano de la Scienca Fakultato, fondiĝis Federacio de la grupoj de la regiono; pli ol 25 jam aliĝis. — *Britujo :* En la Londona komerca ĉambro okazis la ekzamenoj, ĉe kiu Esperanto havas lokon ; multaj Angloj penis ricevi ateston pri kapableco. Ses novaj grupoj fondiĝis en Wakefield, Gransden, Nelson, Upton, Stockport kaj Paisley. — *Germanujo :* Sukcesa festo en Dresdeno, kies grupo estis sinsekve vizitata de S-roj Mudie, Mybs kaj Bourlet ; granda intereso montriĝas nun en Saksujo pro la proksimeco de la kongreso. Novaj grupoj en Kiel, Frankfurt a-O., Oldenburg, Nordhausen. *Italujo :* Grupoj en Palermo kaj Napolo. — *Portugalujo :* Grupoj en Lisabono kaj Porto. — *Rumanujo :* La Rumana societo jam kalkulas 160 anojn ; la propagando bone sukcesas. — *Meksiko :* Esperanto multe progresas en tiu lando, kie estas du Esp. gazetoj.

### Gazetaro.

*Tra la Filatelio* (internacia monata ĵurnalo por kolektantoj de poŝtmarkoj kaj kartoj. Beziers, Franc. Abono : 0,80 Sm.). — *Sciiganto* (organo de Hungara Esperant. societo. Budapeŝto). — *La Unuiĝo de la Bibliofiloj* (1 Sm. — Philippe, Auby, Nord-Franc.) ; *La Du Steloj* (monata organo de la Esp. ĉila Societo — 2 Sm.)

### Bibliografio.

*Sub la neĝo* ( de J. Porchat, trad. J. Borel. Esperanto-Verlag, Berlin. 0,50 Sm.) ; *La kvar Evangelioj* kunigitaj en unu rakonto, de pastro Laisney. Paris - Hachette) ; *Aladin aŭ la Mirinda Lampo* (trad de G-lo Cox ; British Association, London. 29 Sd.); *Diccionario Esperanto-Portuguez* (de Proença, eld. Almeida-Porto).

## ESPERANTO-SOCIETOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn komunikojn de la grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. esperantistaj. Tiuj komunikoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni instigas ĉiujn grupojn ke ili profitu tiujn speciale favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

**Federacio de la Esperantistaj grupoj Burgonjaj.** — Propaganda ekskurso en *Cluny* (Saône-et-Loire) Dimanĉe 5$^{an}$ de julio. Matene, laŭvola ekskurso en *St-Point* : vizitindaĵoj de Lamartine Festeno ĉe Hotelo de Bourgogne (2 fr. 50). Parolado de S-ro Bord kaj prezentado de « l'*Heritage Klodarec* ». Vizito de l'abatejo kaj de la muzeo *Ochier*. Nasko de nova grupo. Por pluaj sciigoj sin turni al S-ro Dejean, vicprezidanto de la grupo, Le Creusot.

La Sekretario : D-ro Blanc, 10, Bd de Sévigné, Dijon.

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

Fako 1$^{a}$. — **Administrado.**

*Cirkulero I$^{a}$.* — La Delegitoj de la jenaj lokoj ne ankoraŭ respondis la cirkuleron I$^{an}$ kaj nenion sciigis al ni : Suursaari, Madrido, Burgos, Fiume, Rhos, Königsberg, Utrecht, Debreczen, Revel, Bourges, Braunschweig, Sumen. Ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ respondi niajn dokumentojn. Ni sciigas, ke por la bonordo de nia agado kaj la seriozeco de nia laboro, ni estos devigataj forstreki la nomojn de la Delegitoj, kiuj dufoje sinsekve ne respondis niajn cirkulerojn kaj ne informis nin pri la kaŭzo de sia nerespondo, kaj peti la grupojn, kiuj ilin elektis, ke ili bonvolu ilin anstataŭigi.

*Anoj.* — Ni komencas publikigi en ĉi tiu N$^{o}$ la liston de U.E.A. anoj kaj daŭrigos ĝin en la venontaj N-oj, laŭ la loko uzebla. Ni rememorigas, ke ĉiuj Delegitoj nepre devis resendi al ni antaŭ la 1 Julio la liston de ĉiuj anoj de U.E.A. varbitaj en ilia regiono, kia ajn estas ilia nombro, kune kun ĉiuj sumoj ŝulditaj, kia ajn estas ilia valoro.

Ni sciigas ankaŭ, responde al kelkaj demandoj, ke la Delegitoj kaj Subdelegitoj devas ankaŭ esti U.E.A. anoj kaj sekve pagi la ordinaran kotizaĵon.

Ni de nun speciale citos la nomojn de la Delegitoj, kiuj estos varbintaj pli ol 15 anoj al U.E.A. kaj estos aparte laborintaj por nia afero : Cadiz, Magdeburg, Helsingborg, Paris, Bourg, Limoges, Moskvo, Amiens, Rotterdam, Lausanne, Castellon, Bilbao.

*Propagando por U.E.A.* — Ni havas sub la okuloj ŝatindan nombron da diverslingvaj naciaj gazetoj neesperantistaj kiuj bonvolis anonci la fondon de U.E.A. al siaj legantoj. Ni dankas la Delegitojn, kiuj klopodis por tiu enpresado. Oni ne forgesu sendi al ni por la arĥivoj de U.E.A. unu ekzempleron de ĉiuj gazetoj, kie aperas artikoloj pri nia Asocio.

Ni ankaŭ kore dankas la jenajn gazetojn esperantistaj, kiuj raportis pri U. E. A. : *Germana Esperantisto*, *Germana Esper.-Gazeto*, *Dana Esperantisto*, *Esperantisten*, *Paris-Esperanto*, *Sarta Stelo*

Por diskonigi la celon de U. E. A. kaj klarigi ĝian funkciadon, ni treege rekomendas al niaj Delegitoj, ke ili organizu propagandajn paroladojn pri U. E. A. ĉe la grupoj de sia regiono, dum la ekskursoj, festoj, k. t. p. Ili disdonu aliĝilojn en la fino kaj kolektu la kotizaĵojn. Tiamaniere oni atingas multe pli grandan publikon kaj pli gravajn rezultatojn.

*Monofero por U. E. A.* — Ni sendas niajn plej varmajn dankojn al la *Esperantista Grupo de Bourg* (Franc.), kiu voĉdonis monhelpon da *8 Sm.* por la centra kaso de U. E. A. Estus al ni plej ĝojige, ke multaj grupoj, kompreninte la utilon de nia Asocio, sekvu tiun ekzemplon kaj tiamaniere donu al ni la monajn rimedojn por plivastigi nian agadon.

Ni enpresos la nomojn de ĉiujn donacontoj. Eĉ la plej negrandaj monhelpoj estos danke akceptataj.

*Subdelegitoj.* — La kartoj de subdelegito estos dissendataj kiel eble plej baldaŭ. kune kun necesaj instrukcioj. En la regionoj, kie ne estas ankoraŭ delegito, la subdelegito senpere dependas de fako I$^{a}$, ĝis estos delegito.

1$^{a}$ Listo de la subdelegitoj :

*Santurce* (Hisp.). - S-ro R. Berdonces (r. : Bilbao).
*Portugalete* » — S-ro F. Vallejo »
*Sestao* » — S-ro S. Esquivela »
*La Arboleda* » — S-ro J. S. Hila »
*Agde* (Franc.) — S-ro Marcel (reg. : Beziers).
*Augsburg* (G.). - S-ro G. Reimann (r. : München).
*Poix* (Franc.). — S-ro L. Bouvier (reg. : Amiens).
*Bellegarde* » — S-ro V. Richard (reg. : Bourg).
*Bourg* » — S-ro E. Leval »
*Wasquehal* » — S-ro L. Brack (reg. : Roubaix).
*Tourcoing* » — S-ro L. Lepers »
*Croix* » — S-ro J. Tobic »
*Redon* » — S-ro L. Marotte (reg. : Rennes).
*Luçon* » - S-ro L. Ballereau (r. : LaRochelle)
*Saintes* » — S-ro D-ro Cornet »
*Mercurey* » — S-ro Jadeau (reg. : Châlon-s-S.)
*Pierre-en-Bresse* (Franc.) — S-ro A. Boitard,
*St-Germain-du-Bois* » S-ro Maitre (r. : Louhans).
*Copitz* (Germ.). — S-ro A. Barthel (reg. : Pirna).
*Duisburg* » S-ro A. Combes (reg. : Düsseldorf)
*Krefeld* » S-ro P. Singram »
*Bocholt* » S-ro A. Exo »
*Niedenau* » S-ro F. Hummel (r. : Frankf.-a-M.)
*Wittenberg* » S-ro A. Hellige (r. : Magdeburg).
*Chiclano* (Hisp.). S-ro J. D. Fernandez (r. : Cadiz).
*Castellar* » S-ro J. Sampera (reg. : Sabadell).
*Grao* » S-ro H. Hurtado (reg. : Castellon)
*Tolosa* » S-ro M. Plana (r. : St-Sebastian).
*Amay* (Belg.) — S-ro A. Mainfroid (reg. : Huy).
*Grânum* (Sved.). — S-ro E Nilsson (r. : Carshamn).
*Morges* (Svis.). — S-ro Ch. Jayet (r. : Lausanne).
*Renens* » S-ro Fleur de Lys »
*Echallens* » S-ro Curchod »
*Lutry* » F-ino Buche »
*Cordoba* (Hisp.). — S-ro P. Linares.
*Strazek* (Aŭst.). — S-ro A. Jouka.
*Wimbledon* (Brit.). — S-ro W. W. Hide.

Entute 37 subdelegitoj.

*Adresaro de U.E.A.* — Kelkaj delegitoj kaj anoj petis nin pri la adresaro de delegitoj, subdelegitoj, k. t. p. Ni informas ilin, ke ni publikigos adresaron de U. E. A. en la fino de monato julio. Tiu adresaro estos nepre preta antaŭ la kongreso kaj enhavos la adresojn de la delegitoj, subdelegitoj, k. a., ĝis la 15$^{a}$ de julio. Ni do petas la grupojn, kiuj deziras elekti delegiton kaj tion ne ankoraŭ faris, ke ili bonvolu agi kiel eble plej baldaŭ.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta n$^{o}$, la jenaj grupoj elektis delegitojn :

*Alger* (Francujo). — S-ro Benoit.
*Bordeaux* (Francujo). — S-ro Brunet.
*Barcelona* (Hispanujo). — S-ro Claramunt ; S-ro Sabadel.
*Angers* (Francujo). — S-ro E. Galard.
*Moskvo* (Rusujo). — S-ro A. Prager.
*Chaux-de-Fonds* (Svisujo). — S-ro Ch. Rosen.
*Varsovio* (Rusujo). — S-ro Robin ; S-ino F. Roszkowska.
*Tunis* (Afriko). — S-ro A. Rochetin.
*Neuchatel* (Svisujo). — S-ro G. Stroele ; S-ro Perret.
*St-Mariaburg* (Belgujo). — S-ro de Raedemaeker.
*Nordhausen* (Germanujo). — S-ro Baujard.
*Lille* (Francujo). — S-ro Durieux.
*Liverpool* (Anglujo). — S-ro Whitaker ; F-ino M. L. Jones.
*India Societo* (Indio). — S-ino W. Sackville Stoner ; S-ro Marshall White.

Entute 128 lokoj kun 168 delegitoj kaj 37 subdelegitoj.

***

Fako 2$^{a}$. — **Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj.**

**Esperanto-markoj.** — Ni rememorigas al niaj delegitoj kaj subdelegitoj, ke ili havas kiel devon respondi kiel eble plej kontentige al ĉiu skriba peto pri informoj, sed kondiĉe, ke la petanto aldonu al sia subskribo la numeron de sia membrokarto de U. E. A., kaj sendu poŝtmarkon por la respondo.

Ni estis atentigitaj pri jena malfacilaĵo. Oni povas sendi monon, speciale poŝtmarkon por respondo, nur en letero. Plie, la naciaj poŝtmarkoj estas malfacile ŝanĝeblaj, kaj, fine, se oni deziras pagi leteran respondon por internacia respondkupono, oni devas pagi 12 Sd. anstataŭ 10 Sd.

Por forigi tiujn malagrablaĵojn, S-ro Tellini (Udine, Italujo) eldonis Esperanto-markojn, kies valoro estas 2 Sd., kaj kies uzadon ni deziras provi interne de U. E. A. Ni do komunikas al vi jenan kontrakton jus faritan inter U. E. A., S-ro Tellini kaj Esperanto-Oficejo, place de la Halle, Beaune, Côte-d'Or.

« 1$^{e}$) Ĉiu ano de U. E. A. povas mendi tiajn Esp. markojn al la Esperanto-Oficejo de Beaune, kondiĉe ke li mendu almenaŭ 100 da ili, kaj ke li sendu kune la valoron per poŝtmandato aŭ ĉeko (ne per poŝtmarkoj). La Esp.-Oficejo de Beaune sendos la Esp. markojn afranke en fermita koverto, ne rekomendita, lasante ĉiujn riskojn al la mendinto.

« 2$^{e}$) La Esperanto-Oficejo de Beaune repagos per poŝtmandato aŭ ĉeko, ĉiujn Esp.-markojn, eĉ iom difektitajn, stampitajn de la poŝto, k. c. Kondiĉe ke oni sendu al ĝi almenaŭ 100 da ili kune. La mono estos sendata de ĝi afranke, sen pluaj elspezoj, laŭ la valoro montrata sur la Esp.-markoj.

« 3$^{e}$) La Esp.-Oficejo de Beaune rezervas al si la rajton fiksi tempolimon, post kiu la Esp.-markoj ne plu estos pageblaj de ĝi ; tiu tempolimo estos konigata per 5 sinsekvaj anoncoj en la oficiala ĵurnalo de U. E. A., aŭ du aliaj internaciaj esperantistaj ĵurnaloj, almenaŭ ses monatojn antaŭ la dirita tempolimo, kalkulante de post la unua enpreso.

« 4$^{e}$) La Esp.-markoj estas transdoneblaj nur interne de nia asocio kaj restos absolute privata afero inter U. E. A. kaj ĝiaj anoj. Konsekvence la Esp.-Oficejo de Beaune sendos la menditajn Esp.-markojn kaj repagos ilin nur al anoj de U. E. A., kaj ĉiu menda aŭ senda letero devos surhavi la numeron de la membrokarto de ĝia subskribinto.

« 5$^{e}$) La komitato de U. E. A. akceptas ĉian pagon (kotizaĵoj, abonoj al la oficiala ĵurnalo, k. c.), per tiuj Esp.-markoj. »

Ni esperas, ke la elspezoj, kiuj rezultos de la presado de tiuj markoj, kaj la poŝtsendoj estos pagataj per la Esp.-markoj, kiujn oni gluos sur privataj leteroj kiel propagandilojn kaj kies valoron la ricevonto ne postulos, kaj ankaŭ per la Esp.-markoj kiuj estos konservataj de la kolektantoj. Ni do treege petas ĉiujn anojn de nia Asocio, ke ili bonvolu ilin uzi kelkafoje, kiel dirite por la propagando, kaj konsiderante tion kiel bonvolan pluan kotizaĵon por helpi en la starigo de tiu servo.

Ni rimarkigas fine, ke, per tiuj Esp.-markoj, oni povas pagi por respondo, algluante tiujn markojn sur poŝtkartojn kaj sammaniere pagi malgravajn monsumetojn, ekz., specimenon de ĵurnalo, gvidlibron, k. a. Ni do esperas, ke niaj delegitoj kaj subdelegitoj klopodos por ilin diskonigi, kaj mem ilin akceptos kaj uzos.

*** Ni rememorigas al niaj delegitoj ke la lasta tempolimo por sendo de la respondilo al la cirkulero de fako II$^{a}$ (Esp.-Konsuloj kaj Oficejoj) estas la 10$^{a}$ de julio kaj tiu respondilo devas esti sendata ne al Genevo sed al S-ro A. Carles, Esperantio, Béziers ( Hérault - Francujo ). *Ili bonvolu nepre respondi, eĉ se ili ne sukcesis en ĉiuj klopodoj priskribitaj en la cirkulero.* En tiu okazo ili bonvolu diri al ni kio ilin malhelpis, kaj ni laŭ nia tuta povo, ilin helpos en tiuj klopodoj. Estas necesege ke ni povu publikigi tute precizan adresaron de la Esp.-Konsuloj kaj Oficejoj antaŭ la kongreso.

***

Fako 3$^{a}$. **Turismo.** —

*VOJAĜO A.* — Ĝis nun la komitatano por fako III$^{a}$ ricevis 50 aliĝojn kaj ni esperas ke, post sciiĝo pri la malkaraj rabatbiletoj, oni rapidos sendi al ni la definitivajn aliĝojn. Ĉar ni jam komencis interrilaton kun niaj delegitoj en la trapasotaj urboj, estas nepre necese, ke ni kiel eble plej baldaŭ sciiĝu pri la preciza nombro de la kunvojaĝontoj. Ni estos samideanoj el Hispanujo, Francujo, Italujo kaj Svisujo. La Munĥena kaj la Praha grupoj afablege invitis nin kaj preparas belajn festetojn. Ankaŭ en nia Paradizo, kie dum julio kaj aŭgusto loĝos sufiĉe multaj samideanoj, ni havos allogan festeton. Do ne plu prokrastu vian aliĝon, kara leganto, ni al vi promesas ĝojan vojaĝon.

La biletojn por la dezirita klaso oni mendu antaŭ la *20$^{a}$* de julio ĉe Esperantio, *Bern*. Ĉiuj mendoj post tiu tago ne plu povos efektiviĝi, ĉar ni devas havi sufiĉan tempon por havigi al ni kaj al la vojaĝontoj la rabatbiletojn.

Por tiuj, kiuj komunikos sian ĉeeston post la *10$^{a}$ de julio*, ni ne plu povos zorgi pri favoraj hotelprezoj.

Por vojaĝo A (tra Berlino) ni ne enpresigas la

horaron por la reveno ĝis kiam ni interkonsentos kun la arangantoj de vojaĝo B ; ĉar tiu ĉi vojaĝo ankaŭ celas Berlinon.

*Kosto de la rabatbiletoj.* — *Vojo a.* — De Portbon (Hispanujo), Marseille, Genevo, Montreux, Interlaken, Lucerno *(Meggen)*, Innsbruck, *Prag* — *Dresdeno*, Berlin, Frankfurto, Lyon, Marseille, Portbon :

De Portbon kaj reveno al Portbon :
I kl. Sm. 157,35; II kl. Sm. 110,40; III kl. Sm. 78,64

De Lyon kaj reveno al Lyon :
I kl. Sm. 103,85; II kl. Sm. 72,75; III kl. Sm. 51,90

De Genevo kaj reveno al Genevo :
I kl. Sm. 103,05; II kl. Sm. 72,15; III kl. Sm. 51.50

De Lucerno kaj reveno al Lucerno :
I kl. Sm. 86,42; II kl. Sm. 50,50; III kl. Sm. 43,20

*Vojo b.* — De Portbon ĝis Dredeno, sama vojo kiel supre, poste : Dresdeno, München, Zurich, Luzern, Berne, Genevo, Lyon, Marseille, Portbon:

De Portbon kaj reveno al Portbon :
I kl. Sm. 153,40; II kl. Sm. 107,82; III kl. Sm. 76,70

De Lyon kaj reveno al Lyon :
I kl. Sm. 110,20; II kl. Sm. 77,30; III kl. Sm. 55,10

De Genevo kaj reveno al Genevo :
I kl. Sm. 99,10; II kl. Sm. 64,40; III kl. Sm. 49,55

De Lucerno kaj reveno al Lucerno :
I kl. Sm. 77,70; II kl. Sm. 54,50; III kl. Sm. 38,85

*Horaro.* — Marseille, Lyon, Bourg, k. t. p., mardon, 12an de aŭgusto.

13a Aŭg. (*1a tago*). — Genevo 13an (merkrede) h. 6.50 matene; Interlaken : alv. h. 12.34 p. t, forv. h. 12.55 (vaporŝipe) ; Meyringen : forv. h. 2.54 ; Lucerno : alv. h. 6.05, forv. h. 6.57 ; *Meggen*, restado de h. 7.13 ĝis h. 9,55 (festeto), reveno al Lucerno kaj loĝado.

14a Aŭg. (*2a tago*). — Lucerno : forv. h. 6,02 matene ; Zuriĥo : alv. h. 7 42 mat. forv. h. 8.51 ; Buchs : h. 11.31 ; Feldkirch : h. 11.58 ; Innsbruck : alv. h. 3.25 p. t. (restado ĝis h. 6.35) ; Innsbruck : forvet. h. 6.35 : Salzburg : alv. h. 12.45.

14a Aŭg. (*3a tago*). — Salsburg : forv. h. 1.20 ; Linz : alv. h. 3.50, forv. h. 5 51 (de Salzburg ĝis Linz nur 1a kaj 2a klasoj) ; Praha, alv. h. 11.38 mateno. Restado ĝis la 15a aŭg. h. 2.56 posttagmeze. Vizitado de l'ekspozicio kaj vidindaĵoj, kunveno kun la tiea tre fervora grupo. Oni jam nun tre kore invitis nin.

15a Aŭg. (*4a tago*). — Praha : forv. h. 2.56 p. t. ; *Dresdeno* : alv. h. 6 53 vespere.

Reveno. — Dresdeno : forv. 28a aŭg. h. 7.01 matene ; Munheno : alv. h. 6.12 vespere. Restado ĝis posttagmeze 24 aŭg.

*VOJAĜO B.* — La programo de ĉi tiu vojaĝo aperis en nia lasta No. Ni esperas. ke ni povos konigi la prezojn en nia proksima No. Poste ni publikigos la definitivan programon, kaj sendos mendilon al ĉiuj aliĝintoj. Ciuj personoj, kiuj estus pretaj partopreni en tiu vojaĝo bonvolu tuj sendi sian provizoran aliĝon al S-ro Schmid, Esperantio, Bern (Svis.), aŭ al S-ro Pujula, 12, Avenue de l'Observatoire, Paris (Franc.). Niaj Delegitoj bonvolu sendi la ricevitajn aliĝojn al unu el tiuj du adresoj.

*VOJAĜO C.* — La programo de tiu vojaĝo jus aperis ; oni bonvolu por ĉiuj informoj, aliĝoj, k. c., sin turni al S-ro H. B. Mudie, 67, Kensington Gardens Square, London (Angl.). Jen pri ĝi kelkaj sciigoj :

*7 aŭg.* — Enŝipiĝo en Londono, Blakwold Stalton.

*8 aŭg.* — Forvojaĝo ; sportoj sur la ferdeko ; Esperanta kartludado en la vespero.

*9 aŭg.* — Esperanta Diservo sur la ferdeko. Koncerto posttagmeze. Vizito de la bordoj de Elbo. Propaganda kunveno de la Hamburga Esperantistaro ĉe la ĉarma surlaga kunvenejo « Alster-lust ». Dormo sur la ŝipo.

*10 aŭg.* — Veturado tra Hamburg. Posttagmeza veturo al Berlino.

*11 aŭg.* — Ekskurso ĉe Potsdam ; vizito al muzeoj. Propaganda kunveno ĉe la Reĝa Parko.

*12 aŭg.* — Veturado tra Berlino. Posttagmeza veturo al Dresdeno.

*13-14 aŭg* — Vizito al Weisser Hirsch.

La programo de la reveno estos baldaŭ konigita. Por la prezoj, cirkuleroj, k. t. p., sin turni al S-ro Mudie (adreso supra).

*VOJAĜO D.* — Ni rememorigas niajn Skandinavajn samideanojn, ke ili bonvolu tuj sendi sian aliĝon por tiu vojaĝo (vidu en lasta No) al Dana Vojaĝa Oficejo, Kristen Bernikowsgade 1, Kopenhag (Dan.). Je la reveno niaj Kopenhagaj samideanoj organizos du Esperanto-tagojn kun promesplena programo. La plej granda dana gazeto « Politiken » eliros dum la Kopenhaga festo parte en Esperanto kaj oni aranĝos eble belegan koncerton esperantistan. Do, oni tuj aliĝu, se tio ne estas jam farita.

*VOJAĜO E.* — Kvina vojaĝo al Dresdeno difinita por Rusaj kaj Polaj Esperantistoj, estos ankaŭ kredeble organizita sub la aŭspicioj de U. E. A. La vojiro de tiu vojaĝo estos jena : *Moskvo. Varsovio, Alexandrovo*, k t p., *Dresdeno*. La profitoj estos jenaj : interkonatiĝo, gaja vojaĝado, plifaciliĝo al samideanoj ne parolantaj germanan lingvon, propagando. Oni sendu kiel eble plej rapide sian provizoran aliĝon al S-ro Szabuniewicz, U. E. A. delegito, Mjasnickaja, dom. de Zimin, *Moskvo* (Rus). Poste oni konigos la prezojn kaj definitivan programon.

# Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Ni de nun *senpage* presos ĉiujn komunikaĵojn de la *U. E. A. Delegito-konsuloj* pri ilia agado, specialaj servoj faritaj de ili, esperantistaj hoteloj, firmoj kaj institucioj uzantaj Esperanton, k. t. p. Ili ankaŭ bonvolu sendi al ni nelongan informon pri ĉiuj okazintaĵoj aŭ okazontaĵoj lokaj, havantaj ĝeneralan intereson (ekz. komercaj kaj industriaj ekspozicioj, foiroj, festoj, turismo, k. t. p.) Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima no. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

*Noto.* — Por la listoj de U. E. A. anoj, ni uzos la jenajn mallongigojn : D = Delegito ; VD = vicdelegito ; Esperantiano = ano de U. E. A. Pro tiu Ia listo, ni estas devigataj prokrasti kelkajn komunikaĵojn de niaj D. ĝis la proksima no.

### Francujo

*ANNECY* (44.49). D. : S-ro Boucon ; VD. : S-ro Marteaux.
Esperantianoj : 1. S-roj Boucon, 2. Marteaux, 3. Ragot, 4. Dumont, 5. Drevet, 6. Bouchet.

*AMIENS.* (44 261). D. : S-ro G. Queste (44, rue Jeanne-d'Arc) ; VD. : S-ro Searle.
Esperantianoj : 1 S-roj J. Ferfet, 2. G. François, 3. F-ino J Desmarets, 4. S-roj E. Searle. 5. A. de Mautort, 6. F-ino P. Pecquet, 7. S-roj L. Moitié, 8. L. Brazier, 9. F-ino Lupart, 10. S-ino Quertant, 11. F-ino Ballereau, 12. S-roj R. Grizier, 13. R. Boyard, 14. Quertant, 15. P. Fafet, 16. Dumont-Gaillard.

*AVIGNON.* (44.92). Delegito : S-ro P. Champion. Listo de Esperantianoj en proksima no. Dum la somero, la kunvenoj de l'Esp. Avinjon'a Grupo okazos ĉiuvendrede je 9a h. en kafejo de l'Horloĝo, Urbodoma placo, kie niaj alilandaj kaj aliurbaj samideanoj estos kore kaj gastame akceptataj.

*BEAUNE* (44.422). D. : S-ro D-ro Fromaget ; S-ro D-ro Vesoux.
Esperantianoj : 1. S-roj J. Moron, 2. J. Pion, 3. E. Bord, 4. J. Gyrot, 5. H. Mathouillet, 6. L. Delacroix, 7. M. Desfossey, 8. G. Denigot.

⁂ Esp.-Of. aĉetas originalajn propagandajn P. K. (sendi specimenon).

*BOURG* (44.44). D. : S-roj Th. Rousseau, E. Bernot.
Esperantianoj : 1. S-roj Rousseau, 2 E. Gilson, 3. C. Chevrot, 4. E. Bernot, 5. A. Venin, 6. F-ino L. Cornu, 7. S-roj E. Leval, 8. J. Colinet, 9. L. Descombes, 10. J. Nouaillac, 11. Desroys du Roure, 12. H. Huttin.

⁂ Vendredon, 19an de junio, okazis kunveno de la Esp. grupo. S-ro Rousseau, delegito, faris paroladon pri U. E. A. kaj la servoj kiujn ĝi faras al siaj anoj. La komitato de l'grupo varme aprobis la celon de U. E. A *kaj voĉdonis 8 Sm. kiel helpmonon* por la entreprenoj de nia grava Asocio. Sekvis multaj aliĝoj. Kelkaj membroj partoprenos la vojaĝon al la kongreso.

Fremdaj turistoj komencas alveni en nian belegan montaran regionon. Por ĉiuj turismaj informoj sin turni al Esp.-Of. de Bourg. Por ricevi la beletan ilustritan gvidlibron « La departemento Ain), esperante redaktitan, sendi 6 Sd. *Esp. markoj akceptataj*. Gvidlibroj estas senpage sendataj al delegitoj de U. E. A. prezidantoj de grupoj, por disdonacado en kunvenoj, kongresoj, festoj, ekspozicioj.

*LE CREUSOT* (44.432). D. : S-roj P. Dejean, E Decouches.
Esperantianoj : 1. S-ino S. Dejean, 2. S-roj E. Bayon, 3. B. Duband, 4. E. Torien, 5. L. Rajaud, 6. Genevois, 7. A. Minfeld, 8. M. Lucas.

*DOUAI* (44.284). D. : S-ro G. Bottin ; VD. : A. Humez.
Esp. firmoj : « A la Maison Bleue » (tukaĵoj), S-ro Stein P. K. ; Lesage-Binnié (kudraĵoj, esperantaĵoj). P. K. ; Farmaciejo Biard. K.

*LIMOGES* (44.66). D. : S-ro Evrot ; VD : S-ro Lamant.
Esperantianoj : 1. S-roj Chazeaubeneix, 2. D. Eyquern, 3. Trauzelaud, 4. P. Bataille, 5. L. Lartigue, 6. L. Foucaud, 7. L. Grenier, 8. P. Labrune, 9. E. Piquet, 10. Duris, 11. L. Valery, 12. A. Grézillier, 13. A. Silvain, 14. S-ino Honorat, 15. S-roj R. Delotte, 16. A. Bonnet, 17. Le Beau.

*MARSEILLE* (44 91). D : D-ro P. Rapine ; VD. : J. Rebouillon.
Esperantianoj : 1. S-roj P. Rapine, 2. J. Rebouillon, 3. L. Rigoir, 4. C. Aubanel, 5. C. Geissmann, 6. J. Desmoulins, 7 V. Huot, 8. G. de Coninck, 9. Librairie Parisienne, 10 S-ino P. Rapine.

*NIORT* (44-6). D. : Wirth. Konsulo por ĝeneralaj informoj kaj komerco : Queille ; — junuloj : Lucas ; konsulino : F-ino Lamarre ; tradukisto : Batry. — La grupo jus eldonis Esperante redaktitan gvidlibron de l'urko.
Esperantianoj : 1 S-roj Wirth, 2 Hoffmann, 3. Lamarre, 4. Quenille, 5. S-ino Quenille, 6. S-ro Baty, 7. S-ino Baty, 8. F-ino Lamarre, 9. D-ro Lucas.

*RENNES* (44-1). D. : D-ro Cuisnier ; VD. : V. Chauvin ; SD. : L. Marotte, *Redon*.
Esperantianoj : 1. S-roj V. Cuisnier ; 2. V. Chauvin, 3. F-ino L. Chauvin, 4. S-ino L. Duclos, 5. S-ro H. Delalande, 6. F-ino Delalande, 7. S-ro P. Delamaison, 8. F-ino Schlegel, 9. S-roj Coignerai, 10. A. Ferré, 11. A. Colombo, 12 A. Thévenin.

### Germanujo.

*BRESLAU* (43.141). D. : H. Spahr ; VD. : Rumpel.
Esperantianoj : 1. S-ro P. Rumpel, 2. S-ino Wolfson, 3. S-ro S. Freund, 4. S-ino H. Cohn, 5. L. Bergmann, 6. S-roj B. Seiffert, 7. G. Skeide, 8. H. Geldner.

*FRANKFURT-a/-M.* (43.581). D. : C. Barthel ; VD : H. Fricke ; SD. : E. Hummel, *Niedenau.*
Esperantianoj : 1. S-roj H. Fricke ; 2. E. Hummel, 3. A. Schütze, 4. A. Richard, 5. J. Storey, 6. W. Leichum, 7. J. Hasenpflug, 8. J. Anton, 9. K. Hiller, 10. J. Fraser, 11. G. Tirahl, 12. F-ino M. Hurez.

*MAGDEBURG* (43.18). D. : S-ro F. Rockmann ; VD. : S-ro E. Gericke ; SD. : S-ro Hellige, *Wittenberg-a/-E.*
Esperantianoj : 1. S-roj E. Stark, 2. O. Graeger, 3. E. Gericke, 4. K. Christian, 5. W. Schmeil. 6. A. Hellige, 7. P. Göring, 8. O. Wilde, 9. F. Barfels, 10. R. Baum, 11. A. Herrman, 12 A. Fuhrmann, 13. E. Loose, 14. J. Huysmanns, 15. Helmbold, 16. H. Wuttke, 17 M. Usbeck, 18. H. Röhl, 19. D-ro Hirsih, 20. E. Schäffer.

### Hispanujo

*CADIZ* (44.818). D. : J. Garzón Ruiz ; VD. : R. de la Peña ; SD. : J. D. Fernandez, *Chiclana*.
Esperantianoj : 1. S-roj J. Gallego, 2. Natute, 3. Pece Casas, 4. Soto Barranco, 5. Riera Gonzalez, 6. Perer Favinas, 7. P. Anelo, 8. D. Fernandez, 9. Diaz, 10. Manzo, 11. Hernander, 12. De la Peña, 13. Nelo Escoto, 14. Duboy Càmpova, 15. Gomez Barriere, 16. Desmantiner Ruiz.

*SAN SEBASTIAN* (44.6). D. : J. Garrido Ramoz, Pérez Alcosta ; SD. : M. Plana, *Tolosa*.

⁂ La movado Esperantista en Hispanujo estas tre granda. Preskaŭ en ĉiuj urboj kaj en multaj vilaĝoj ekzistas esperantistaj grupoj. En la ĉarma ĉefurbo, San Sebastian, la lastaj kursoj (kiel la antaŭaj) liveris kontentigajn rezultatojn. Nia kara lingvo progresadas tiom, ke la biblioteka salono de la Katolika Centro estas proponita de S-ro Ykazategi, prez. de la dirita Centro, al la ĉitiea esperantistaro, kiu danke akceptis ĉi tiun honoran proponon. Do, ni sciigas al tutmondaj samideanoj ke baldaŭ ni malfermos novan Esp klubon. Tiel estos en San Sebastian du gravaj Esp. societoj.

### Holando

*AMSTERDAM* (442.62). D. : H. A. J. C. Weg.
Esperantianoj : 1. S-roj H. J. Weg, 2. J. de Haan, 3. Roghair, 4. G. M. de Vries, 5. J. Jung, 6 Van Aals, 7. H. Blok.

*ROTTERDAM* (449.12). D. : H. Stephan ; VD. : P. J. Vermaas.
Esperantianoj : 1. S-roj Swinkels, 2. van Twisk, 3. F. Allard, 4. ten Wolde, 5. J. Wessel, 6. F. Schneider, 7. P. Spuiman, 8. F-ino P. v d. Huys, 9. S-roj H. Wapenaar, 10. L. Wit, 11. J. Bakker, 12. Vermaas, 13. Loëber, 14. Zydemans, 15. Fichgelaar.

### Rusujo.

*MOSKVO* (47.31). D. : St. Szabuniewicz ; VD. : R. Menzel.
Esperantianoj : 1. S-roj Menzel, 2. Smirnov, 3. S-ino Smirnov, 4. S-ino Kozlov, 5. S-ro Gancki, 6. S-ino Stupin, 7. S-roj Obrjezumov, 8 Heftler, 9. S-ino Menzel, 10. S-roj Boĥenjski, 11. V. Menzel, 12. Hrizanov, 13. Sidlovsky, 14. N. Kabanov, 15. Saĥarov, 16. Stupin, 17. S-ino Gabrik, 18. S-roj Dirojanskij, 19. Tupicin, 20. Aleksjejev, 21. S-ino Szabunjeviĉ, 22. S-ro Szabunjeviĉ.

⁂ El grupo « *Laboro* » oni decidis komuniki al ĉiuj Esperantistoj vizitontaj Moksvon alveni nian manĝejon, ĉiutage malfermatan de 12 h. ĝis 4 h., kie ili trovos esp. gazetojn kaj ricevos ĉiujn informojn de Delegita konsulino U. E A., S-ino Jarova. Prezo de manĝo por Esp-istoj estas 27 Sd. Kunveno de komitatanoj estas ĉiusemajne, marde kaj vendrede je 7 h., Str. Al. Lubianka d. de Asekure S-to, loĝ. 21-22. — La unua asocio de komercaj oficistoj kaj grupo « Laboro » fondis Esp.-Oficejon kaj elektis kiel U. E. A. Delegito-Konsulojn S-roj K. Voronov, Kamolikov, Smirnov, A. Prager.

*TIFLIS* (47.9). D. : S-ro Fiŝer.
Esperantistanoj : 1. S-roj A. Fiŝer, 2. H. Wetzel, 3. J. Asaturov, 4. K. Djalalov, 5. M. Ajzenberg, 6. B. Metaksa, 7. V. Sirunjan, 8. J. Castoperov, 9. B. Ambardanov, 10. J. Jankovski, 11. P. Kislij, 12. F-ino Pavlov.

### Svisujo

*NEUCHÂTEL* (494 431) La Esp. grupo aliĝis al U. E. A. kaj kiel delegitojn elektis S-rojn Georges Stroele, Palais 3, kaj Charles Perret, Parcs 45a, (Neuchâtel). Esp.-Of estas fondata en la paperbutiko de S-ino Bourquin, rue des Epancheurs, 11, kaj tre baldaŭ donos ĉiujn servojn postuleblajn de tiaj institucioj.

⁂ La grupoj de l'Neuchâtel'a kantono, en Neuchâtel, La Chaux-de-Fonds, Le Locle, Les Breuets kaj Couvet, havos sian jaran festan kunveno en La Tourne (Monto meze de l'kantono), la 5an de julio. Eksterkantonaj samideanoj estos kore akceptataj. Por pluaj sciigoj sin turni al G. Stroele, delegito en Neuchâtel.

(*Daŭrigota*).

## KORESPONDAĴOJ

### Deklaro de Antido

Genevo, 25an de Junio 1908.

Antaŭ 9 monatoj mi verkis projekton Antido por laŭeble plifaciligi interkonsenton inter la Esperantistoj kaj la Komitato de la Delegitaro por elekto de lingvo internacia. Je tiu epoko mi, kiel ĉiuj Esperantistoj naive kredis, ke la projekto Ido estas projekto senpartie ekzamenita kaj akceptita de tiu Komitato. Sed aperas nun, ke ni kaj la komitato mem de la Delegitaro estis duoble trompitaj, ĉar nun S-ro de Beaufront konfesas ke li estas Ido. S-ro Couturat do kunlaboris kun la aŭtoro de l'akceptita projekto, kiel estas montrita 1e) per la fakto ke Ido alprenas ĉiujn regulojn pri devenigado publikigitajn de S-ro Couturat nur 3 semajnojn antaŭ la kunsidoj de l'Komitato, 2e) per tio ke S-roj de B. kaj C. estas la aŭtoroj de l'vortaro (laŭ la sistemo Ido) jus eldonita; do la aperigo antaŭ la Komitato de la advokatoj de aliaj lingvoprojektoj (kiel Idiom Neŭtral, Panroman, k. t. p.) estis kvazaŭkomedio, ĉar tiuj projektoj estis antaŭkondamnitaj, kaj kiam iu komitatano, kiel S-ro Jespersen prezentis al la Komitato gramatiketon kiun li konsideras kiel la plej sistema el ĉiuj gramatikoj aposterioraj, tuj S-roj Couturat kaj de Beaufront ĉirkaŭlaboras lin kune por decidigi lin voĉdoni kontraŭ liaj propraj preferoj (vidu pri tio leteron de S-ro J. en Belga Sonorilo p. 236).

Sed la plej grava kaj por ĉiu honesta homo plej bedaŭrinda konstato estas sciiĝi ke nia majstro Zamenhof estis reprezentata antaŭ la Delegitaro de la homo mem kiu samtempe prezentis anoniman kontraŭprojekton. Tiu homo havis plenan rajton prezenti alian lingvan projekton sed tiam li *ne plu rajtis* reprezenti nian majstron. Ciuj lingvoprojektoj, Dilpok, Spokil, Bolak, Apolema, eĉ la plej fantaziaj, estis prezentitaj de sinceraj advokatoj, *escepte Esperanto Zamenhofa.* S-ro Couturat prave diris, ke la Esperantisto estas trompitaj de kelkaj siaj ĉefoj : tio estas vera almenaŭ pri unu. Car la veron oni konas nun, kaj ĉar unueco kaj disciplino estas nia plej valora havaĵo, mi petegas ĉiujn samideanojn forlasi ĉiajn diskutojn pri reformoj ĉar la nuna momento estas por tio plej maloportuna.

ANTIDO.

P.S. — La deklaro, kiun oni jus legis, estas mia

René de SAUSSURE.

## KVARA ESPERANTISTA KONGRESO

### Dresden, 16-22 Aûg. 1908

*Aliĝoj.* — Oni rapidu sendi sian aliĝon kun la mono por la bileto kaj loĝado al Dro Arnhold, Waissenhausstr, Bankhaus, Dresden. Pri la kosto, legu en nia antaŭa N-ro. La aliĝojn por la teatra prezentado oni sendu al la sama adreso.

*Teatro.* — Krom la teatra prezentado de S-ro Reicher, oni informas, ke kvar profesiaj Stockholmaj geaktoroj prezentos en Dresdenon du dramojn de la Sveda aŭtoro Strindberg, esperantigitajn.

*Kunvenoj.* — La organizantoj de ĉiaj specialaj kunvenoj bonvolu sin turni senpere al S-ro Schönherr, Lössnitzstr., 22, Dresden ; speciala komitato klopodos por la aranĝado de tiuj kunvenoj.

La Prezidanto de la katolika komitato dum la kogreso estas kanoniko Pichot (el Monako) ; la diservo okazos en la preĝejo SS. Koro de Jesuo, 16 aŭg. je 9 h. 1/2.

La konstanta komitato de la Kongresoj petas, ke la Esperantistoj, societoj, grupoj, k. t. p., kiuj havas proponojn, bonvolu ilin komuniki al la Prezidanto, (51, rue de Clichy, Paris).

La komitato memorigos pri la jenaj artikoloj de la Regularo :

« Art. 3a. — Celo de la Kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj komuninteresaj por ĉiuj Esperantistoj, kun escepto de la religiaj, politikaj kaj socialaj demandoj, kiuj ne devas esti tuŝataj en Kongresa kunsido, kaj de la lingvaj demandoj kies esploro kaj solvo estas rezervitaj al la lingva Komitato

« Art. 4a. — Povas esti priparolataj nur la temoj enskribitaj en la tagordon. La temoj, akcepteblaj laŭ artikolo 3a estas senpere metataj en la tagordon, se ilia esploro ne postulas specialistan kompetentecon.

« La temoj, kies priparolado postulas tian kompetentecon estas metataj en la tagordon, nur post esploro de specialista sekcio. »

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizaĵo kostas 1 Sm. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

*Novaj aliĝoj.* — S-ro Jarrassé, doktoro de juroscienco, juĝa persekutisto, 16, rue de Turbigo, Paris. — S-ro Vogin, advokato, St-Dié (Francujo). — D-ro H. Arnhold, refendaro, Waisenhausstr., 20, Dresden A. (Germanujo), vicprezidanto por Germanujo.

*Ĝenerala Kunveno.* — Ni memorigas niajn anojn ke, laŭ nia regularo, la ĝenerala kunveno de l'I. S. E. J. okazos, dum la kongreso, en Dresdeno, kaj ni esperas ke ĉiuj ĝin ĉeestos. Plie ni havos ankaŭ aliajn kunsidojn dum kiuj ni laboros speciale pri la jurista vortaro. Anoncoj tie-ĉi kaj afiŝoj en Dresdeno sciigos la lokon kaj la horojn elektitajn pri tiuj kunvenoj. Bonvolu niaj amikoj ilin atente legi.

Ciuj anoj kiuj havas proponojn por fari devas sin turni kiel eble plej baldaŭ al S-ro Sergeant, ĝenerala sekretario, kiu raportos ilin.

*Vortaro.* — Por ebligi la vortaran taskon, mi petas al niaj anoj, ke, laŭ la tre bona metodo de la S. O., ili bonvolu ĉerpi el niaj artikoloj, en tiu jurnalo, la novajn jurajn vortojn, kaj skriki ilin kun la nacia traduko. Oni sendu la laboron al S-ro Degon, 17, rue St-Eloi, Douai (Francujo).

OFICIALA INFORMILO.

**Internacia Unuiĝo de Studentoj.**

*Dresdeno!* Dank'al la afablaj klopodoj de la « Kvaro » ni sukcesis ricevi por niaj kunvenoj unu ĉambron en la « Supra Teĥnika Lernejo » ; nia amuza festeto okazos en bela kafejo. (La tago de niaj kunsidoj estos baldaŭ sciigata). Malkarajn loĝejojn ni trovos en la ĉarma vilaĝo Brihlaŭ, ne malproksime de Weisser Hirsch. (Eble du fremdaj kamaradoj loĝos kune). Por la teatra ludo oni lastmomente eldonos tre malmultekostajn biletojn, por ke ĉiu entuziasmema studento povu viziti ĝin. Karegaj kolegoj ! Oni vere afablege zorgis por vi. Rekompencu viajn protektantojn kaj venu multenombre Dresdenon !

*Eraro.* — S-ro E. Hay (34) ne eliĝis. — *Eliĝo* : S-ro E. Bouvier (60). — *Aliĝoj* : 64. Bronislav Kuhl, ul. Librowszczvzna 6, Krakovio, Aŭstrio-Galicio ; 65. Rudoff Linse, Fleminggatan, 51 A, Stockholon, Svedujo ; 66. G. Zaŭŝkeviĉ, Priŝkinskaja, Vladivostok, Azia-Rusujo.

*Komitato.* — Nia aŭstra reprezentanto S-ro Vielhaber ne plu povas labori por ni ; tial S-ro Macalik, Komorn, Hungarujo, provizore akceptis tiun ĉi oficon.

*Demando.* — S-ro E. Wichert, Berlin N. W. 23, Altonaerstr. 18, tre miras, ke multaj korespondantoj de li subite ĉesis respondi.

ĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.*— Ciu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn ( fr. 0.25 ; 2 1/2 d. ; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj.* — Ciu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 ; 4 d. ; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ciu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

***

## Korespondado

*London* (Anglujo). — S-ino P. Levis, 59 Mortan Rd Islington. PI.

*Danzig* (Germanujo). — S-ro O. Emmert, Pommersche Chaussee 2-II.

*Magdeburg* (Germanujo). — S-ro H. Wuttke, filo. PI.

*Paris* (Francujo). — S-ro E. Trabesse, maison Pottin, rue Renne. PI.

*Cerveny Kostelec* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro František Soulavý, naproti kostelu. PI. PM. ; F-ino Bozâ Keyzlarova, Jakubshà ulice. PI. ; F-ino M. Procházkova, naproti kostelu. PI.

*Bobrov* (Voronej gub - Rusujo). — S-ro Aleks. Batĉikov. PI.

*Beauvais* (Francujo). — S-ro H. Bernard, notario, 2, place Ernest Gérard. PI. PM.

*Nêm Brod* ( Bohemujo - Aŭstrio ). — S-ro J. Raeck. PI. PM. L.

*Budapeŝt* (Hungarujo). — S-ro Mezei Kàroly, VI Teréz-Körvt 4. III-cm. 7. PI.

*Beauvais* ( Francujo ). — S-ro G. Demeillers, rue Louvet, 2. PI.

*Ancourt* (Seine-Inf , Francujo). — S-ro M. Bresson. L. PI.

*Odensee* (Danujo). — S-ro H. P. Hausen, Oluf Bagersgade 58. PI. ; S-ro Jefta Andersen, Vesterbro 116. PM.

*Paris* (Francujo). — S-ro G. Melo, 32, rue de Montmorency. PI. PM.

*London* (Anglujo).— S-ro H. Smiet, 14 Beck Rd, Hackney. PI.

*Roanne* (Francujo). — Gefratoj Cortej, 18-20 jaraĝaj, 1, rue des Deux-Faubourgs. PI.

*Vichy* (Fráncujo). — D-ro Clerc, rue des Celestins. PI.

*Anvers* (Belgujo). — S-ro Verbaet, 17, Van Leent Straat, Borgerhout. PI ; S-ro Van de Zanden, Plantynlei Osst 307, Borgerhout. PI. ; S-ro V. Riet, 83, Vaerenbergstraat, Berchem. PI. L.

## Petoj & proponoj

**Insektoj**. — S-ro D. Uitterdyk, Hilversum (Holando) multe ŝatas ĉiuspecajn insektojn el varmaj landoj (papilioj; skaraboj, k. c.).

**Studentoj**. — S-ro D. H. Lambert, profesoro de angla, franca, itala, hispana kaj esperanto povas akcepti du aŭ tri fremdajn studentojn el kia ajn lando por instrui aŭ perfektiĝi en angla kaj aliaj lingvoj. Adreso : 160, Beckenham Rd, Penge, London, S. E.

**Atentu !** — S-ro E. Quambusch, en Köln-Deutz (Germanujo), deziras konatiĝi kun klara esperantisto eksterlandana, kiu, vojaĝante ire aŭ revene Dresdenon, intencas restadi mallongatempe en Köln-a-Rhein.

**Faukner-Adresaro**. — Prezo 20 Sd Enskribo *senpaga*! Direkcio : R. Faukner, Hostacov, Bohemujo, Aŭstrio.

**Korespondado**. — S-ro Erwin, Heydweiller, Rabenerstr. 13-I, Dresden A., dez. koresp. per PI. Kolektas ĉiulingvajn Esperantajojn kaj faras ĉiajn interŝanĝojn. Menonitoj skribu al li, pro eldono de esp-a menonita gazeto.

**Fiziognomonio**. — Karakteraj kaj fiziaj ekzamenoj, laŭ portreto kaj manskribo. Simpla prijuĝo 1 Sm. 25 ; detala — 2,50 Sm. Biografio simpla 5 Sm. ; — detala 10 Sm.

**Amikejo**. (Neŭtra Moresneto). — Charles Schwierer, oficejo por riprezentado loka de ĉiuspecaj komercajoj kun esperanta nomajo kaj esperanta librejo.

**Sobreculoj**. — La sobreclogio « Printempo » eldonis multekolorajn poŝtkartojn, *sed belegajn*, kiujn ĉiu samideano povas ricevi tute senpage, sendante al la loĝio ilustritan poŝtkarton (urbvidajon, pejzaĝon) al la jena adreso : Lars Boström Inedalsgatan 7a iv. *Stockholm*.

**Poŝtkartoj**. — Sendu 80 spesdekojn al S-ro Pion. Sté Générale, Beaune (Côte-d'Or, Francujo) kaj vi ricevos belan kolekton da 13 ilust. Kartoj Esp. de Beaune.

**Bankistoj**. — Intencantaj krei « Ascocion Internacian de Bankistoj », ni petas ĉiujn bankdirektorojn, — oficistojn, ke ili sendu al ni sian aliĝon provizoran ; ni plezure kaj danke ricevos ĉian regularon pri ĝi. La Iniciatintoj : R Pillault, 10, rue Neuve, Clermont-Ferrand ; J. Pion, Société Générale, Beaune (Côte-d'Or), ambaŭ en Francujo.

*Noto :* La Esperantaj gazetoj bonvolu represi tiun alvokon.

## Komercaj reklamoj



FELIETONO DE " ESPERANTO " 2

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Malgrava laboro, poste la tagmanĝo por iom da tempo detiras iliajn pensojn de la filo. Kiam poste Lene purigas la manĝilaron en la kuirejo kaj Tobias denove sidas ĉe sia gazeto, tiam Balbino supreniras en la ĉambron, kie la revenonta filo devos dormi, ĉiam dormis. Tiu ĉi ĉambro pure estas balaita ; ĉar jam de kelka tempo oni atendis la revenon de l'filo. El sur la tablo Balbino prenas la freŝe lavitajn mallongajn kurtenojn kaj alfiksas ilin ĉe la fenestro ; poste ŝi el la sama malgranda tolaĵaro prenas la ruĝflorajn tegojn kaj tegas kovrilon kaj kusenon. Zorge ŝi faras ĉion ; kiam ŝi finis laboron, ŝi ĉiam pririgardas ĝin per kritika okulo, ĉu ĉio estas en ordo ; ŝi ordigas la kurtenojn kaj glatigas la liton. Kiam ŝi denove staras antaŭ ĉi tiu, la memoro ŝin ekprenas. Tie li kuŝos, mia Georg! Kaj ŝi miras, ke li ankoraŭ nun estos la beleta homo kun la brunaj haroj kaj la hela vizaĝo, kia li estis. Sed ses jaroj — certe ŝanĝiĝas — kaj sen lipharoj li verŝajne ankaŭ ne plu estas kiel en lia dekkvina jaro ! Sed — tie li dormos — kaj la domo denove estas tiel plena kiel ĝi nur povas. La aliaj, kiuj foriris, ne revenos !

Perdiĝinte en sia pensado, Balbino senkonscie aliris de l'lito al seĝo staranta apud la tablo. Tie ŝi sidiĝas, rigardas antaŭ sin kaj daŭrigas sian pripensadon. Ili ne revenos, la aliaj : Antono, la pli maljuna filo, kiun mortprenis la lavango, kaj lia edzino mortinta unu jaro pli malfrue, eble pro ĉagreno, eble pro malforta brusto! Sed Georg, en tiu lito li dormos ! Ree sub la tegmento kie li naskiĝis ! — Naskiĝis !

De pri la granda lito ŝiaj pensoj iras al la malgranda, en kiu la knabo Georg kuŝis. Malsupre en ŝia propra dormoĉambro ĝi staris. Kaj, li estis pli bela infano ol la pli maljuna knabo ; modelo li estis, la knabeto, ronda, freŝvanga kun la delikataj helaj, pli malfrue bruniĝintaj haretoj kaj la grandaj okuloj. Se li tiamaniere revenos ! Sed jam forirante li ne plu estis tia. Maldike kverkinta li estis, la rondajn vangoln li estis perdinta kaj la... honestecon, kun kiu la infaneto kuŝis en lito. Propran volon li posedis malfacile rompeblan. Per tiu volo li post jaroj perforte atingis, ke li povis kuniri, kiam la febro je Ameriko estis en Steg, kaj kiam dudek junuloj samtempe kune foriris trans la maron.

Tiel pasas la tempo, tiel la malgrandaj grandiĝas ! Sed la pensoj de Balbino ree kaj ree revenas al malgranda Georg ; ŝi ne ne estas molkora virino ; sed en ŝi batadas io, dum ŝi vidas la bildon de l'knabo. Post la multaj pasintaj jaroj ŝi ankoraŭ ĝojas pri tiu bildo, kaj el tiu ĉi ĝojo pri la infano io elkreskas, kio ankaŭ faras ŝin senpacienca pro la plenkreska filo. Morgaŭ li venos, ŝia Georg! Balbino ĝojas. Oni ne vidus tion en ŝia vizaĝo ; sed ŝia koro batas. Kiam ŝi nun ekstaras kaj eliras la ĉambron, tiam la senpacienca ĝojo en la severa virino estas tiel forta, ke ŝi nevole paŝas sur la doman sojlon, elrigardas tra la vojo, kie li venos morgaŭ, ŝia filo, kvazaŭ ŝi jam hodiaŭ povus vidi lin alproksimiĝantan.

La Amerikanoj alvenis. Ĉiuj Steganoj jam vidis ilin. Tobias kaj la siaj, kiuj loĝas ĉe la fino de l'vilaĝo, ne jam scias ion pri ili ; ĉar la Amerikanoj ne alveturis per fervojo, sed sur fojnĉaro bruege ili venis en la vilaĝon ; ne ĉiu tuj iris hejmen al sia familio, sed ĉiuj kune vizitis la « Rössli » (ĉevaleton) por preni alventrinkajon. « Georg » postulis tion, la unua el ili rakontas, kiu sin sekrete forŝtelas, ĉar li nepre volas vidi la gepatrojn.

La Amerikanoj estas kvin bone vestitaj junuloj, kun riĉete ŝajna eksterajo ; neniu havis malfeliĉon transe ; la plej multaj ankaŭ volas restadi nur kelke da monatoj kaj poste revojaĝi en la novan mondon.

En la Andermatt-domo ili do jam nenion sciiĝis pri la alvenintoj ; sed ili atendas, ĉiuj tri kvazaŭ sur la piedfingroj staras pro malpacienco, Tobias, Balbino kaj Lene. Tobias eksterordinare frutempe prizorgis la brutaron kaj revenis hejmen el la brutejo sur la monto, kvazaŭ estus incendio, por ke li estu tie kiam la knabo alvenos. Nun ili ne scias kiel travivi la horojn, ĉar ĉio estas preta por la bonveno kaj ili ne volas komenci ian laboron antaŭ ol Georg alvenos.

Noktiĝas jam kiam la atendito vidiĝas tie inter la du domvicoj. Lena staras ekstere ĉe la ĝardenpordo kaj vidas lin veni. Si ne estus ekkoninta lin, sed scias pro lia dimanĉa eksterajo kaj la salutoj, kiujn li tie kaj tie ĉi sendas kaj donas, ke povas esti nur li. Si subite ekkrias en la domon : « Li venas, li venas ! » La geedzoj stariĝas el siaj seĝoj en la salono, ne rapidas, sed per antaŭen klinitaj kapoj montras, ke la pensoj iras pli rapide ol la piedoj kontraŭ la filon. Kune ili eliras el la dompordo. Sed ili alvenas ankaŭ sufiĉe frue. Georg restadas ĉe najbara domo, tie staras inter virino kaj knabino, tenadas la manon de tiu ĉi lasta kaj karesas ĝin ; ankaŭ kiam li vidas, ke ili atendas lin hejme, li do ne tro rapidas, sed nur alparolas mallongan « tag' », denove ridas, amumas kaj poste malrapide alproksimiĝas. Nun ili povas pririgardi lin, kiel li alvenas. Li portas pli delikatajn vestojn ol estas kutimo tie, sur la brako li havas surtuton, en la manoj bastonon kaj arĝentan tenilon kaj sur la kapo nigran felsĉapelon. Per malsataj okuloj la du maljunaj en vizaĝo kaj sintenado de l'alproksimiĝanto serĉas konatajn trajtojn kaj havas la saman senton, sen ke unu scias ion de l'alia : io fremda troviĝas en liaj moviĝoj, kvankam liaj membroj fariĝis tiaj, kiaj devas tiuj de montano, pezaj, muskolozaj kaj fortaj. Balbino ekatentas ke la iam bruna haro de Georg nun havas strange kuproruĝan brilon. Tobias surprize ekvidas ion en lia vizaĝo, pri kio li komence ne scias kio ĝi estas. La vizaĝo fariĝis pli plena ; ĝi havas elstarantajn vangostojn, larĝan buŝon, super kiu etendiĝas malhelaj bone zorgitaj lipharoj, same kupro-ruĝataj kiel la kapharoj, kaj brile brunajn okulojn. En la momento, kiam Georg per sia larĝa mano prenas tiun de l'patro, tiu ĉi ankaŭ sciiĝas, kio al li ŝajnas fremda en la fila vizaĝo. La okulvitroj iom falas malsupren sur la okulojn, kaj pro tio la rigardo de Georg montras ion lacan, aŭ pli bone — ion kiel : ho, por mi la mondo estas enuiga ! Kaj Tobias momenton miras pri tiu rigardo, kiu ne ekzistas en la montaro, miras, de kie la junulo ĝin akiris. Ankaŭ la lingvo malplaĉas al la patro. Sajnas kvazaŭ Georg ne plu bone scias la germanon ; lia lingvaĉo estas miksajo el amerika, bongermana kaj dialekta lingvoj. Car Tobias kaj Balbino pro lerto scias, ke la Steganoj unufoje estintaj « transe », ĉiam tiel parolaĉas, kiam ili venas hejmen, ili baldaŭ alkutimiĝas pri tio, kaj poste — subite al ili revenas la ĝojo, ke ili ree posedas la filon kaj ĉia malagrablajo tuj estas forgesita. Ili premas liajn manojn, Tobias frapetas lian ŝultron, Balbino salutas lin per « Dio bonvenu vin hejme ! » kaj ŝovas lin en la stubon [1]). Nur Lene per grandaj okuloj ĉiam rigardas lin de flanke.

Georg eniris la stubon, pendigis surtuton kaj ĉapelon al la najlo kaj sidiĝas sur la plej proksima seĝo.

« Sidiĝu ĉe tablon », diras la patro, « vi certe estas malsata. »

« Mia malsato ne estas grava », li respondas per malfervora voĉo kaj oscedas. Sed kiam la patrino alportas vaporifan manĝajon, li alproksimiĝas kaj baldaŭ ĉiuj kvar fervore manĝadas. Georg estas babilema, rakontas pri fremdujo kaj hejmenveturado kaj plaĉas al li, ke la gepatroj dume honoras lin per la plej bonaj manĝ- kaj trinkajoj de sia domo. *(Daŭrigota).*

[1]) Germane « S ube », ĉambro en kiu oni kutime restadas tage.

Pres. Ch. Zœllner, Genève